# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aprilo 2009
n-ro **102**



- ★ *Granda Vortaro Esperanta-Kroata* lanĉita
- ★ Novaĵoj pri *Biblioteko Gjivoje* en Nacia kaj Universitata Biblioteko
- ★ Verkisto August Šenoa verkis pri la patro de la unua slovena esperantisto
- ★ *Subvencio Kalendulo* kaj *Premio Kalendulo* atendas viajn proponojn

# Karaj legantoj!

Nian titolpaĝon fotitan de Vlado Kamenski ornamas la sceno de la solenaĵo en ***Esperanto-Societo Bude Borjan*** la de januaro 2009 dum la festo de la ***Granda Vortaro Esperanta-Kroata*** kiam 26 membroj persone venis por transpreni sian ekzempleron de la granda verko. Nun ni havas ***la Vortaron***, kian havas kutime nur kulture fortaj partoj de Esperantujo.

Kun ĝojo ni anoncas ke la samaj eldonistoj komencis labori je nova verko de ***Lucija Borčić - Granda Vortaro Kroata – Esperanta.*** Ĝi devus laŭ niaj planoj aperi en decembro 2009 kaj vi povas jam nun aboni la verkon, iom pli ampleksan ol la unua volumo, je la prezo de ***210 kn***. Se vi volas ke ni ekspedu al vi la volumon poŝte, bonvolu pagi ***225 kn***. Ni antaŭvidas ke la Vortaro post apero kostos 340 kn. Nia kompostisto ***Stanislav Vidmar*** jam eklaboris pri ***Granda Vortaro Kroata – Esperanta***. Ni esperas per tiu verko festi Zamenhof-tagon 2009. Antaŭvidu vian ĉeeston je tiu unika solenaĵo!

Sur la foto vi vidas la aŭtorinon ***Lucija Borčić*** kun sia aŭtora ekzemplero, prezidanton de ***Esperanto-Societo Sisak Srećko Radulović*** kiu fizike helpis kiam la vortaroj alvenis el la presejo kaj necesis transporti ilin. Vi vidas la redaktoron de la eldono ***Damir Mikuličić*** kiu de ***Neven Kovačić*** transprenas monpremion ***Kalendulo***, kiun gajnis en decembro 2008 ***Lucija Borčić*** por sia vortara laboro.



Certe vi ĝojos legi ke en ***Nacia kaj Universitata Biblioteko*** io ekmoviĝis rilate la faman Esperantan librokolekton de ***Marinko Gjivoje***: oni komencis trakti la librojn kontraŭ fungoj!

Se ni havus junan bibliotekiston – komencanton pri biblioteka scienco, kiu interesiĝus pri Esperanto kaj Esperantaj libroj, la aferoj pri la ***Biblioteko Gjivoje*** en ***Nacia kaj Universitata Biblioteko*** status pli bone.

Al ***August Šenoa*** kaj ***Herbert von Karajan*** gvidis la neimageblaj esplorspuroj kiujn Davor Klobučar sekvis por malkovri la komencojn de Esperanta agado en Osijek. Vi mem estas invitata promeni tra ***Esperanto-Strato en Osijek*** kiam tiu urbo festos 120 jarojn ekde kiam en Osijek pri Esperanto ekagis la unuaj kvin fraŭlinoj kaj iom pli poste unu slovena leŭtenanto.

Vi povos legi ke en marto ***Kroata Esperanto-Ligo*** prezentis sian tradukprojekton, financatan de EU en la sidejo de ***Eŭropa Komisiono*** en Zagrebo, invite de ***Ministerio pri kulturo***.

En la kontribuaĵo de ***Tea Radovanović*** vi trovos novaĵojn pri studado de interlingvistiko en Poznano, kie januare premian statueton de la revuo ***Spegulo*** ricevis pro siaj eldonaj kaj movadaj meritoj ***Josip Pleadin***. Ni kore gratulas.

***Neven Kovčić*** alvokas al ***Subvencio Kalendulo*** kaj ***Premio Kalendulo 2009***.

***Tempo*** adiaŭas de nia fidela membro ***Sava Matetić-Lučić*** per ŝia poemo. ***Ivo Borovečki*** recenzas ĉinan poezian ĉefverkan tradukon de ***Du Fu*** kaj ***Vjekoslav Morankić*** preparis por vi la ***kalendaron de Esperantaj eventoj 2009*** en kiuj ni ĉiuj partoprenos. Aparte ni elstarigas ke ***Urba oficejo pri klerigo, kulturo kaj sporto*** finance subtenis gelernantojn - helpantojn al blinduloj veturontaj al ***Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj*** en Pollando.

Ni informas vin ke dank' al viaj kontribuoj por ***Vodnikova 9, nia estonta ejo***, nia ĉefŝuldo reduktiĝis al ***29.864,12 eŭrojn***!

Pli da bonaj novaĵoj ni konservu por nia venonta numero kiu same aperos per financa helpo de ***Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio.***

*S. Štimec*





# BIBLIOTEKO GJIVOJE EN NACIA KAJ UNIVERSITATA BIBLIOTEKO – STATO EN 2009

La 31an de majo 1982 konata zagreba esperantisto kaj librokolektanto, ***Marinko Gjivoje*** posedanto de impona Esperanto-biblioteko, ricevis permeson de sia doktoro eliri el la hospitalo Jordanovac, kie li estis kuracata, por subskribi donacdokumenton favore al la zagreba ***Nacia kaj Universitata Biblioteko***. Ankaŭ la subskribinto estis invitita al tiu kunsido en la malnova konstruaĵo de Nacia kaj universitata biblioteko. Pluraj homoj ĉeestis reprezentinte la bibliotekon, interalie akademiano ***Aleksandar Stipčević.***

Ĉiuj kolektiĝis tuj matene, krom la donacinto ***Marinko Gjivoje***: oni telefonis al la biblioteko el la hospitalo kun la informo ke paciento ***Marinko Gjivoje*** frumatene forpasis.

Ni estis ŝokitaj per la rapida interveno de la morto. Akademiano ***Aleksandar Stipčević*** parolis honore al ***Gjivoje*** kaj konstatis konklude ke la Biblioteko akceptas la valoran donacon de la kolekto ***Gjivoje***.

Ni, zagrebaj esperantistoj, supozis ke tiu bonintenco realiĝis. Plurfoje ni klopodis ekscii de la Biblioteko ĉu la libroj el la kolekto ***Gjivoje*** estas jam pritraktitaj kaj uzeblaj. Neniam ni sukcesis ekscii ion ajn pri la kolekto ***Gjivoje***. En la Biblioteko estis aparte valora riĉega kolekto de binditaj gazetoj ekde la komenca epoko de Esperanto ĝis la jaro 1982.

La 13an de marto 2009 Spomenka Štimec estis akceptita en Nacia kaj Universitata Biblioteko en fako de novakiroj ĉe s-ino ***Sonja Avalon***. Aŭdiĝis klarigo: la kolekto Gjivoje ne estis akceptita de Nacia Biblioteko en la jaro 1982 kiel esperantistoj imagis, ĉar la malnova konstruaĵo de Nacia kaj Universitata Biblioteko ne havis spacon por novaj kolektoj kaj estis devigita rifuzi la kolekton. La ***familio Gjivoje*** dum jaroj klopodis realigi la deziron de Marinko. Nur kiam ekfunkciis la nova konstruaĵo de ***Nacia kaj Universitata Biblioteko*** la kolekto estis transprenita de la ***familio Gjivoje***, en ***majo*** de la jaro ***1999***. La transprenon nome de la biblioteko gvidis ***Višnja Čanjevac***. La biblioteko disponigis skatolojn por transporto de libroj kaj veturigilon kun ŝoforo ***Milan Katavić***. La familio Gjivoje tiam loĝinta en Bedićev odvojak 3 en Zagrebo ricevis dankleteron de ***d-ro Josip Stipanov*** la 11an de junio 1999: la direktoro de la biblioteko dankis pro la valora donaco. La inventaraj listoj kiujn zorgeme en la hejmo de Gjivoje kunmetis ***Lucija Borčić*** ne estis samtage alportitaj al la Nacia biblioteko, sed kelkajn tagojn poste kiam petis ilin ***Višnja Čanjevac***. La protokolo notas ke la kolekto enhavas 2900 bibliografiajn unuojn. Estas aldonita noto ke dum la transpreno ne estis komparitaj la efektivaj enskatologitaj libroj kun la librolistoj. En la lasta jardeko ne okazis prilaborado de la libraro Gjivoje, interalie pro manko de Esperante parolanta bibliotekisto. Nur lastatempe oni aliris la pritraktadon de la biblioteko: por komenci la ordigadon oni unue eksenfungigas la ***Kolektaĵon Gjivoje.***

***Kroata Esperanto-Ligo*** per afableco de ***Sonja Avalon*** ricevis kopion de la librolistoj kiuj akompanis la ***Kolekton Gjivoje*** al la ***Nacia biblioteko***.

Dum la spurado de la informoj pri la kolekto Gjivoje en Nacia kaj universitata biblioteko aperis interesa informo: la personoj kiuj transportis la librojn Gjivoje al Nacia kaj universitata biblioteko memoras ke ... ili veturis al Našice. Kion ili faris en Našice, se la libroj venis de la zagreba kvartalo Dubrava? Eble la teamo tiutage devis transpreni ankoraŭ unu librokolekton en Našice? Mistere! En Našice ja naskiĝis Mavro Špicer kiu ja kunfondis la unuan asocion de esperantistoj en Kroatio ...



*Marinko Gjivoje* (*la foto pruntita el la arkivo de Dokumenta Esperanto-Centro Đurđevac*)

Por la estonteco de la kolekto Gjivoje estus plej bone se ni esperantistoj en niaj vicoj havus bibliotekiston aŭ studenton pri blibloteka scienco kiu pretus dediĉi sin al la kolekto. Plej konvenus iu juna sciencisto kiu emus ekz. ***magistriĝi pri la kolekto Gjivoje***.

La kolekto Gjivoje povos estonte esti uzata plej oportune se ni havus en Nacia kaj universitato biblioteko junan sciencistoн kiu pretus dumvive okupiĝi pri Biblioteko Gjivoje kiel ties reprezentanto kaj antaŭeniganto kadre de Nacia kaj universitata biblioteko.

Esperеble ni baldaŭ trovos tiun homon.

*S. Štimec*



***Nacia kaj Universitata Biblioteko***

# AUGUST ŠENOA VERKIS PRI LA PATRO DE LA UNUA SLOVENA ESPERANTISTO!

En pasintaj du jaroj esperantistoj en Kroatio havis eĉ du jubileojn, kiuj estis impone prifestitaj. La unua Esperanta klubo en Kroatio fondiĝis en 1907 en la urbo Rijeka, kaj sekve en 2007 estis centjariĝo. Nacia Esperanta organizo fondiĝis en Zagreb en 1908, do la jubileo estis en 2008.

Nun en 2009 estas 120-jariĝo depost apero de unuaj personoj en nia lando kiuj lernis Esperanton. Tio okazis en la urbo Osijek, kaj la pruvo estas la unua Zamenhofa adresaro de esperantistoj el 1889.

En la adresaro aperas eĉ 5 personoj, kio estas tre signifa, ĉar el listigitaj 1.000 esperantistoj nur 81 tiutempe loĝis ekster Rusio. Kaj la afero estas eĉ pli interesa, ĉar temas pri 5 fraŭlinoj, en la aĝo inter 18 kaj 23 jaroj. Tiu grupo, ***"Osijeka Kvinopo"***, estas objekto de mia tre diligenta esploro, kaj pri ili mi esperas baldaŭ aperigi libron.

Inter la Kvinopo kaj la organizita movado en Kroatio pasis ĉ. 20 jaroj. En tiu periodo neniu esperantisto estas konata. Neniu? Tamen estis unu, kaj li vivis ankaŭ en Osijek! Oni povas nomi lin "La sesa homo". Ĉi tie mi skribas ĉefe pri li.

En la 17-a adresaro (1895-1897) aperis lia nomo: Egon Mosche, leŭtenanto el Osijek. Nenio plu. Li postlasis neniun spuron en osijeka Ŝtata arkivo, kaj mi uzis la solan eblecon - mi skribis peton al Vieno, al tiea Milita arkivo, kaj venis baldaŭ la respondo. Mosche estis lia familia nomo, Egon la persona, li estis romkatoliko kaj naskiĝis en 1873 en "Laibach in Krain", do Ljubljana en Slovenio. Per eklezaj libroj el Ljubljana mi eksciis pri liaj gepatroj kaj gefratoj. Dank' al Ŝtata Arkivo Ljubljana, al Interreto kaj al tombejo en Vieno mi eksciis eĉ multe pli. Montriĝis, ke li konis multajn lingvojn kaj bonege ludis pianon. Li servis en la armeo aŭstrio-hungaria nur en Osijek, inter 1894 kaj 1898, poste li propravole forlasis la armeon. Li elmigris al Suda Afriko (Transvaal) kaj tie baldaŭ okazis anglo-bura milito. Li batalis kontraŭ angloj en germana volontula trupo. En 1900 li revenis al Ljubljana kaj renkontiĝis kun la familio. Kio okazis poste al li, mi ne scias. Mi trovis, ke en Vieno ankoraŭ vivas 2 nepinoj de lia fratino Vera, kaj telefonis al ili. Ili diris, ke en la familio oni neniam rakontis pri Egon. Egon forlasis la familion, kaj nur tion ili scias, ke li ekzistis. Kaj ke verŝajne li foriris al iu tre malproksima lando.

Pri Egon mi esploros plu, ne nur ĉar li vivis en mia urbo Osijek kaj estis la sesa esperantisto, sed ankaŭ pro tio, ke li estis ***la unua sloveno esperantisto***! Kvankam li post gimnaziaj jaroj forlasis Slovenion, esperantistiĝis en Kroatio, kaj verŝajne ne plu vivis longe en Slovenio, tamen por slovenoj li estos tre signifa. Ja la unuaj esperantistoj slovenaj ĝis nun konataj aperis ĉ. 1908! Pruvoj pri lia sloveneco estas pluraj, ekz. li verkis en la slovena lingvo por slovena gazeto "Dom in svet" (La hejmo kaj la mondo) la artikolon "Črtice s potovanja v Afriko" (Rakontetoj el vojaĝo al Afriko), kiun vi povas vidi en la Reto en Diĝitala Bibiloteko de Slovenio ***http://www.dlib.si/documents/clanki/dom_in_svet/pdf/305077.pdf***

Pri lia patrino Ana Grumnik-Scribe aperis anekdoto en "Ljubljanski zvon" 1882 (skribis Levec Fran), el kio videblas, ke ŝi uzis la slovenan lingvon en ĉiutaga parolo. Kaj la patro de Egon, Mosche Alfons (1839-1901), estas eĉ hodiaŭ en Enciklopedio de Slovenio, ĉar li estis tre konata

**3648. Esseg**, Slavonujo, Aŭstro-Hungarujo. — (Unterstadt.) — Egon **Mosche**, lieutenant au 38 Regt. d'Artillerie. — [Iks.]




advokato kaj politikisto en Ljubljana. Alfons tre multe agis por oficialigi uzon de la slovena lingvo en tribunaloj en Slovenio (anstataŭ la reganta, sed fremda, germana). Sed la plej granda pruvo, ke Alfons (kaj sekve Egon) estis sloveno aperis ĉe - imagu! - fama kroata verkisto August Šenoa! Li verkis tre konatan novelon "Dianto de sur tombo de poeto", kiu ekzistas en Esperanta traduko de Stanko Rukelj, eĉ en la paĝoj de KEL (***http://www.esperanto.hr/literaturo_dianto.pdf***). Tie li skribis aŭtobiografie pri siaj gimnaziaj jaroj en Zagreb (Kroatio), kaj pri sia gimnazia amiko Albert, kiu estis sloveno. Estas jam ĝenerale konate, ke tiu Albert en la reala vivo estis ĝuste nia Mosche Alfons! Ili ambaŭ estis sub forta influo de la reganta germanlingva kulturo. Sed dum vizito al slovenia vilaĝo, ili ambaŭ ekamis la saman junulinon. Ŝi mokis ilian pasion pri la fremda germana lingvo, kaj montris al ili belecon de jus aperintaj slovenlingvaj poemoj. Tio ŝanĝis ilian vidpunkton pri la mondo tiom, ke ili reciproke promesis agi, ĉiu por sia propra nacia lingvo.

Kaj evidente Alfons plenumis la promeson!

Davor Klobučar

***Ĉu vi scias, kion komunan havis Egon Mosche kaj la mondfama aŭstria dirigento Herbert von Karajan?Ili havis po unu fraton: Erich Mosche kaj Wolfgang von Karajan. La edzino de Erich, Augusta Budischowsky, kaj tiu de Wolfgang, Hedwig Budischowsky, estis fratinoj. Malbonŝance por mia esploro, neniu fratino havis infanon.***

# POSTDIPLOMAJ INTERLINGVISTIKAJ STUDOJ ĈE LA UNIVERSITATO ADAM MICKIEWICZ POZNANO, POLLANDO

Ĉe unu el la plej grandaj universitatoj en Pollando, la Universitato Adam Mickiewicz (UAM) en urbo Poznano, oni povas studi interlingvistikon uzante Esperaton kiel laborlingvon, studlingvon, kaj lingvon de interkomprenigo. Gestudentoj kiuj el diversaj landoj de la mondo venas studi tie, kune kun prelegantoj estas parolantoj de lingvo Esperanto. La Studoj okazas per Esperanto.

Estas ne nur grave ke interlingvistiko, kiel scienca branĉo, pritraktas kaj esploras, krom naturaj lingvoj, ankaŭ planlingvojn, sed ankaŭ ke ene de planlingvoj estas pritraktata Esperanto kiel la plej uzata. Krom ĝenerala kaj aplikata lingvistiko, la studado pli detale okupiĝas pri historio, kulturo, gramatiko kaj literaturo de Esperanto.

Pro tio, Postdiplomaj Interlingvistikaj Studoj estas unika, malofta kaj tre bona oportuno por ĉiuj kiuj volas plivastigi sian lingvistikan scion, studi kaj paroli en Esperanto, kaj pli detale okupiĝi pri tiu ĉi lingvo. La studado donas tion kion oni ne povus, pere de Esperanto, facile trovi – fakan, bone organizitan studadon, ene de la universitato.

La studado daŭras tri jarojn, kaj okazas en ekstera formo (ĉiun semestron okazas unu intensa semajno en la fakultato en Poznano kun ambaŭ prelegoj kaj ekzamenoj). Tiu ekstera formo ebligas studadon al studentoj el diversaj partoj de la mondo, kaj, dum studado hejme, multe helpas la komunikado per Interreto.

La Studoj okazas sub gvido de doktorino Ilona Koutny, kiu kune kun aliaj eminentaj prelegantoj, transdonas scion en la faka, universitata nivelo.

En Septembro 2008 estis festita la deka jubileo de la Studoj kaj tiam ankaŭ komencis studi nova grupo, kvara laŭ vico. Aliĝis dekdu personoj el diversaj landoj, kaj ankaŭ du kroatininoj, Marija Jerković kaj Tea Radovanović. Unu kroatino el la grupo 2005/08 jam finadas la Studojn kaj baldaŭ diplomiĝos, Judita Rey Hudeček. Ĉi jare, dum la dua sesio, speciala gasto el Kroatio estis Josip Pleadin, kiu prezentis sian verkon"Ordeno de Verda Plumo", leksikonon - biografiaron pri Esperantlingvaj verkistoj. Dum sia restado li estis premiita por sia Esperanta eldona laboro per statueto de la revuo "Spegulo". (sur nia foto)

Doktorino Ilona Koutny, fondis la Studojn antaŭ dek jaroj, kaj zorgeme gvidas ĉiujn kaj ĉion. Okaze de la dekjariĝo de la Studoj, en Septembro 2008 okazis internacia simpozio pri la Lingvistikaj kaj kulturaj aspektoj de interlingvistiko, kiun partoprenis 85 personoj el 22 landoj. Partoprenante simpozion, tridekdu altnivelajn prelegojn donis al mi aldonan scion kaj kompletigis prelegojn kiuj okazis dum la unua sesio. En 2007 ankaŭ unuafoje okazis komuna kurso de UAM kaj ILEI kiu daŭris unu jaron, kaj, post la ekzameniĝo, partoprenantoj ricevis instruistan diplomon de ILEI.

Doktorino Ilona Koutny ricevis la premion "Esperantisto de la Jaro" (2008) "pro la kompetenta kaj sukcesa gvidado de la Interlingvistikaj Studoj ĉe la Universitato Adam Mickiewicz (UAM) en Poznano", kun aldono de komuna kurso de UAM kaj ILEI, kaj la simpozio "Lingvistikaj kaj kulturaj aspektoj de interlingvistiko". Neniam ĝis nun tiun prestiĝan premion ricevis virino, kaj estas rimarkeble ke dum la pasintaj dek jaroj, ekde kiam tiu premio ekzistas, ankaŭ neniu ricevis ĝin kun tiom granda plejmulto da voĉoj (ok pli ol la dua kandidato).

*Tea Radovanović*



*Josip Pleadin kun la Premio Spegulo. Apud li sidas Tomasz Chmielik*




*La "kroata triopo" studanta en Poznano*

# ESPERANTO-GRUPO ĈE KARNAVALO EN RIJEKA EN 2009

Ĉi-jare jam trian fojom laŭvice Esperanto-Maskerada Kompanio "Paždoć" partoprenis la internacian karnavalon en Rijeka kiu estas unu el la plej konataj en Kroatio kaj Europo. Ĝi okazas kiel kutime ĉiujare meze de monato februaro. Ĉi-jare dimanĉon la 22an de februaro en maskerada parado de maskiĝintaj grupoj partoprenis pli ol 8.000 partoprenantoj. La parado de maskoj daŭris pli ol 6 horoj. Kiel ĉiujare dum la karnavalo la paradon spektis ĉirkaŭ 120.000 spektantoj, duoble pli ol pasintjare, ĉar estis suneca tago. Per sia maskerada kompanio Esperanto Societo Rijeka prezentis sin al vasta publiko. Nomo de la grupo "Paždroć" en kroata ĉakava dialekto signifas en Esperanto "tohuvabohuo" (En loka



dialekto de itala minoritato la vorto estas preskaŭ la sama "pasdrocio"). La kompanio ĉi-jare elektis karnavalan nomon "Padela" (en lokaj dialektoj kroata "ĉakava" kaj loka itala "fiumana" vorto "padela" signifas Esperante *kaserolo*). La kompanio en la karnevala parado nombris ĉirkaŭ 40 maskojn kaj havis alegorian veturilon. La alegoria veturilo estis kreita kiel kelkajn metrojn granda kaj alta kaserolo. La nomo de la grupo "Esperanto-Maskerada Kompanio Paždroć" estis klare videbla sur la veturilo kaj la grupo per Esperanta anonco estis menciita je kontrol-punktoj por publiko. Esperanto Societo Rijeka partoprenos la karnevalan paradon ankaŭ sekvontjare. En la grupo estis esperantistoj, neesperantistoj kaj anoj de la loka itala minoritato. Sekvontjare oni intencas plilarĝigi la grupon kun alilandaj esperantistoj. Al la karnavalo de Rijeka estas ankaŭ akceptataj grupoj el aliaj urboj kaj ankaŭ el eksterlando. Ĉiuj interesiĝemuloj kiuj volus partepreni la paradon de la karnavalo sekvontjare, ĉu kiel anoj de la karnavala grupo, ĉu per aparta karnavala grupo, aŭ kiel spektatantoj, kontaktu Esperanto-Societon Rijeka ĉe ***esperanto.rijeka@ri.htnet.hr*** aŭ ***esperanto.rijeka@ri.htnet.hr***. Poŝta adreso de Esperanto Societo Rijeka estas: Blaža Polića 2, HR-51000 RIJEKA, Kroatio.

*Vjekoslav Morankić*

# KOSTRENA INVITAS AL ESPERANTO-DOMO

Esperanto-Domo, la domo de Esperanto-Societo Rijeka unu fojon jare malfermas siajn pordojn al la plej juna generacio de kroataj esperantistoj por ebligi al ili amikiĝi kaj elmontri sian scion pri Esperanto.

Konkurso pri scio de Esperanto por lernantoj de elementaj kaj mezaj lernejoj okazos en Kostrena de la ***22a ĝis la 24a de majo 2009***. La teamo de Esperanto Societo-Rijeka Boris Di Costanzo, Tea Radovanović kaj Josipa Katunar atendas la konkursantojn vendredon la 22an de majo 2009. La konkursoj okazos sabaton en kategorioj ***A (komencantoj)*** kaj ***B (progresantoj)***.

Ne mankos ekskurso kaj plezuroj de la marbordaj ludoj.

Kiu el la lernejoj en kiu Esperanto estas instruata ĉi-jare hejmen revenos kun ***Pokalo Kostrena***?

Venu ĝui nian kaj vian Esperanto-domon! Ne forgesu kunporti vian bankostumon!

*V. M.*

# KEL PREZENTITA EN LA ZAGREBA SIDEJO DE DELEGACIO DE EŬROPA KOMISIONO

Informcentro de Eŭropa Unio ĉe delegacio de Eŭropa Komisiono en Respubliko Kroatio en Zagrebo kunlabore kun Ministerio pri kulturo okazigis informan tagon. Invitite de la Ministerio, Kroata Esperanto-Ligo prezentis sian tradukprojekton en kiu lando-partnero estas Hinda Unio kaj en kiu partneroj de KEL estas Inter-Kulturo el Slovenio kaj Edistudio el Italio. La programero ***Hindunia infanlibro en Eŭropo – tri eŭropaj infanlibroj en Hinda Unio*** estis prezentita de Spomenka Štimec la 12an de marto 2009 enkadre de la programo Ekzemploj el bona praktiko.

# ESPERANTA POŜTMARKO ELDONITA EN BOSNIO KAJ HERCEGOVINO

Cent jaroj de Universala Esperanto-Asocio estas la titolo de poŝtmarko eldonita en Bosnio kaj Hercegovino de BHP en aprilo 2008 por honori la centjaran jubileon de ***Universala Esperanto-Asocio*** en kiu Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino membras de 1992. La poŝtmarko estis kreita de S. Čolić kaj B.S. Bajić kaj reprezentas verdan Esperantan flagon kun la simbolo de la centjariĝo de UEA. Eldonkvanto estas 30.000 ekz. La 10a de aprilo estis la lanĉotago de la poŝtmarko akompanata de la stampo de la unua tago. La valoro de la poŝtmarko estas 1,50 KM (konvertebla marko) (= 0,77 eŭron). Bosniaj esperantistoj gratulis al KEL la centjaran jubileon en decembro 2008 per sia jubilea poŝtmarko.




# KURSO POR KOMENCANTOJ SUR LA INSULO RAB

Asocio por infanoj kaj gejunuloj nomata *Kocka / Kubo* en la urbo Rab sur la insulo Rab organizis kursojn de Esperanto kaj ceramiko. Sep kursanoj komencis lerni Esperanton en la kurso por komencantoj gvidata de Mila Bečka ekde la 16an de marto 2009.

# ELEKTRONIKAJ MEDIOJ KAJ ESPERANTISTOJ

***Eŭropa Komisiono*** ofte organizas elektronikajn forumojn kun civitanoj de EU por ekscii kion pensas simplaj civitanoj. Pasintjare okazis kelkaj tiaj, interalie pri reformo de lernejoj.

Ĉi-jare de januaro ĝis marto daŭris konsultiĝa forumo antaŭ la eŭropaj balotoj pri problemoj de civitanoj en EU kaj iliaj proponoj gravaj por la estonto. La temo estis: Prezentu vian vizion de estonto rilate socian kaj ekonomian futuron de EU.

Oni aperigis elektronikajn forumojn por ĉiu lando aparte en ties lingvo.

Esperantistoj, kompreneble tuj reagis kaj informis sin reciproke tiel ke preskaŭ en ĉiuj landoj de EU iu faris proponon subtene al Esperanto en EU kaj disvastigis la peton voĉdoni por tiu informo. Post la fino de la voĉdonado ni vidis ke en 5 landoj oni ne faris E-proponon, do en 22 ĝi estis starigita kaj en 17 la propono pri Esperanto gajnis la unuan pozicion inter ĉiuj proponoj dum en aliaj 5 ĝi havis ankaŭ altan pozicion.

Nun la eŭropaj instancoj analizos tiun enketadon kaj sendube ili vidos ke esence la propono pri Esperanto havas mezume la unuan pozicion entute. Kion ili faros, mi ne scias sed ili devos konsideri tiun fakton.

En la pasinta jaro okazis alia elektronika enketado: antaŭ la balotoj en Usono kaj en unu el du grandaj enketforumoj **Change.org** ***Esperanto gajnis 25-an pozicion***, kio estas ege sukcesa en tiu lando. La enketentrepreno tial poste malfermis daŭran paĝaron dediĉitan al Esperanto kie eblas daŭre interveni, proponadi kaj voĉdoni por Esperanto kiel lerneja studobjekton en Usono.

Kiam en januaro membro de Eŭropa Parlemanto el Slovenio Ljudmila Novak amendis proponon pri multlingveco per tri amendoj kiuj rilatis al Esperanto, ŝi ricevis pli ol 5000 subtenajn voĉojn en sia blogo.

Tiamaniere esperantistoj de la mondo montras, ke ili apartenas al aparte edukita grupo rilate la uzon de la reto. Malgraŭ efektive malgranda nombro da esperantistoj, ni sukcesas montri nin kiel grandpotenco en tiaj elektronikaj voĉdonadoj laŭ mi pro jenaj kaŭzoj:

Esperantistoj posedas mezume pli grandan kvanton da komputiloj ligitaj al la reto ol mezume iu ajn popolo. Esperantistoj evidente aktive partoprenas en listoj kie ili ricevas gravajn informojn tre rapide kaj reagas al petataj iniciatoj. Esperantistoj estas pli alte ĝenerale edukitaj kaj aparte pri la uzo de elektronikaj iloj. Pro la lingvo komuna ili multe pli rapide akiras informojn kaj povas organizi internacian partoprenon, kion aliaj simple ne povas pro tre limigitaj internaciaj kontaktoj.

Elektronikaj rimedoj do estas gravega helpilo por uzi lingvan avantaĝon kiun ni havas kaj do ŝanco por montri nian ekziston pli efike ol per klasikaj informrimedoj.

*Zlatko Tišljar*

# ĈU IVO LAPENNA RICEVOS SIAN STRATON EN SPLIT?

Estraro de Kroata Esperanto-Ligo konsideris en sia aprila kunsido agadon por lanĉi, kunlabore kun Esperanto-Societo Split, la nomumon de Strato de Ivo Lapenna en lia naskiĝurbo Split.

Tiel KEL planas honori lian centan jubileon de naskiĝo en la jaro kiam la tuta Esperantujo festas 150-an datrevenon de la naskiĝtago de L.L. Zamenhof.

D-ro Ivo Lapenna naskiĝis en Split en prestiĝa dalmata familio la 5an de novembro 1909 kaj mortis en Kopenhago la 15an de decembro 1987.

Por niaj eksterlandaj legantoj, kiuj ne bone orientiĝas pri geografio, ni akcentu ke Lapenna apartenis al la kroata kulturo: Split estas en Kroatio.

Lia patrino Amalija estis pianistino, de ŝi la mondfama esperantisto heredis muziktalenton: la tutan vivon li fidelis al sia zagreba violonĉelo.

Esperanton li ellernis kiel memlernanto en 1928. Kiel studento pri juro li en 1929 kunfondis ***Studentan Esperanto-Klubon*** kadre de la Zagreba Universitato. La klubo transprenis nomon ***Akademia Esperanto-Klubo***. Tiun klubon Lapenna prezidis ĝis aprilo 1941. Li fondis ***Studentan Tutmondan Esperanto-Ligon (STELON)*** dum UK Budapeŝto 1929.

Prezidanto de Jugoslavia Esperanto-Ligo li estis de 1937 ĝis 1950.

Li forlasis Zagrebon en 1947 kaj ties Juran Fakultaton kie li lekciis pri internacia juro.

Neniam plu li revenis al sia naskiĝlando.

Li estis komitatano de Internacia Esperanto-Ligo (transformiĝinta al ***UEA*** en 1947). Kiel ĝenerala sekretario de UEA li agadis de 1955 ĝis 1964 kaj kiel prezidanto de UEA de 1964 ĝis 1974. Ekde 1957 li fondis ***Internacian Esperanto-Asocion de Juristoj*** kiun li prezidis de 1957 kaj redaktoris Internacian Juran Revuon.

Lapenna havis sian pintan sukceson en la Esperanta kariero en 1954. Tiam li sukcesis rekonigi Esperanton ĉe UNESCO dum ties ĝenerala konferenco en Montevideo en 1954.

En 1980 li kunfondis kaj prezidis Internacian Centron de la ***Neŭtrala Esperanto-Movado***. Li estis komitatano de redakcio de Horizonto.

Honore al lia agado postmorte estis starigitaj du instancoj ***Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna*** kaj ***Fondaĵo Lapenna***.

Aparta retejo kolektis liajn artikolojn, paroladojn kaj verkojn http://www.ivolapenna.org http://www.ivolapenna.org

*Per Ret-Info/ S. Štimec*

# MEMBRO DE ESPERANTO-SOCIETO *BUDE BORJAN* AKTORAS EN FILMO!

***Spiritoj de Zagrebo*** estas la titolo de tutvespera filmo reĝisorata de Jadran Boban. La filmo estis prezentita en festivalo ***Zagreb Dox*** kaj estos baldaŭ prezentota ĉe HTV. La filmo estas dediĉita al la iamaj membroj de la zagreba kontraŭfaŝisma movado dum la Dua mondmilito. Nuntempe la herooj de la filmo estas 90-jaruloj. Inter ili estas Jerko Baković, membro de Esperanto-Societo ***Bude Borjan***. En la filmo li rememoras pri siaj studentaj tagoj kaj pri konfliktoj kun la reĝa Jugoslavio. (Li estas frato de Rajka kaj Zdenka Baković kiuj estas proklamitaj popolherooj. Zdenka estis tiama aktiva membro de Akademia Esperanto-Klubo. Ŝi estis malliberigita en decembro 1941 kaj mortis post torturado pro salto de la tria etaĝo de la ustaŝa policejo. Ŝin kaj ŝiajn proksimulojn honoras ***Placo de la viktimoj de faŝismo / Trg žrtava fašizma*** en proksimeco de la nuna sidejo de Kroata Esperanto-Ligo).

S. Š.

# Subvencio Kalendulo

## KONSTANTA PUBLIKA ALVOKO

Post pluraj sporadaj financaj subtenoj al diversaj Esperantaj enterprenoj fare de la iniciatinto, establiĝis la subvencio

KALENDULO

Por la jaro 2009 la necesan monsumon disponigos la establinto persone, dum por la jaro 2010 kaj sekvaj subvenciojn atribuados la Fonduso por la lingva egaleco. (Por detaloj bv. vidi la koncernan artikolon en ***Zagreba Esperantisto*** de sept. 2008.)

Aktuala valoro de la subvencio estas kunaa kontraŭvaloro de mil eŭroj. Je ĝi rajtas ĉiu kiu faros ion utilan por Esperanto dum la kuranta jaro, laŭ la prijuĝo de komisiono konsistanta el tri personoj: Neven Kovačić, Dag Treer, Judita Rey-Hudeček.

Direkti proponojn por ricevi subvencion rajtas ĉiu:

- ĉiu fizika persono
- ĉiu jura persono
- ĉiu neformala grupo de personoj

Tiu ĉi proponkolektanta alvoko validas ĉiam.

Ĉiu propono alveninta ĝis la 1-a de junio ĉiujare estos konsiderata por kuranta jaro. Ĉiu propono alveninta post tiu dato estos aŭtomate prokrastita por la sekva jaro.

Bonvolu sendi viajn proponojn perpoŝte al adreso:

**Neven Kovačić**
**Gorice 67**
**HR 10000 Zagreb**

kopie al:

**Kroata Esperanto-Ligo**
**Kneza Mislava 11**
**HR 10000 Zagreb**

PAGITA ANONCO

# Premio Kalendulo

## KONSTANTA PUBLIKA ALVOKO

Premio **KALENDULO** establiĝis surbaze de koncerna iniciato de Neven Kovačić en la jaro 2007. Ĝia celo estas honori por Esperanto utilajn unuopajn atingojn aŭ longdaŭrajn, inkluzive vivolongajn poresperantajn agadojn.

Ĝis nun ĝi estis atribuita du fojojn: en 2007 kaj 2008. La premiitoj estis:

***Studenta Esperanto-Klubo el Zagrebo*** por la jaro 2007 okaze de ĝia 50-jariĝo kaj pro ĝia kontribuo al la kroatia, precipe junulara Movado.

***S-ino Lucija Borčić*** okaze de finpretiĝo de ŝia ***Granda Vortaro Esperanto-Kroata*** kaj pro ŝiaj imponaj meritoj por la kroatia kaj internacia Esperanta Movado.

Nun ni serĉas kandidatojn por la premio 2009 kaj la sekvaj. Tial ni lanĉas tiun konstantan publikan alvokon invitante kandidatiĝi. Ĉiuj proponoj alvenintaj ĝis la 1-a de decembro tiun ĉi jaron estas konsiderataj por la premio 2009. Ĉiuj proponoj alvenantaj post tiu dato estas pritraktataj por postaj premioj. Do, temas pri konstanta publika alvoko kandidatiĝi kun la limdato de la 1-a de decembro ĉiujare sed daŭre ripetata. La premio estos normale atribuata okaze de Zamenhof-tago la 15-an de decembro ĉiujare kaj transdonata dum la evento en la kroatia ĉefurbo Zagrebo. La premio disponas pri la aktuala monsumo de mil eŭroj pojare (aŭ ĝia kunaa kontraŭvaloro) havigita fare de la iniciatinto kaj distrubiata laŭ decidoj de Komisiono nomumita fare de Prezidantaro de KEL kaj konsistanta el Neven Kovačić, Dag Treer kaj Judita Rey-Hudeček.

Ĉiu rajtas kandidatigi kaj kandidatiĝi, do:

- ĉiu fizika persono
- ĉiu jura persono
- ĉiu neformala grupo de personoj

La motivigitajn proponojn aŭ sinproponojn bonvolu sendi perpoŝte al:

**Neven Kovačić**
**Gorice 67**
**HR 10000 Zagreb**

kopie al:

**Kroata Esperanto-Ligo**
**Kneza Mislava 11**
**HR 10000 Zagreb**



# SAVA MATETIĆ-LUČIĆ RONJGOVA (1920 – 2009)

En zagreba hospitalo post mallonga malsano mortis la 11-an de januaro 2009 en sia 90-a vivojaro tre fervora esperantistino Sava Matetić-Lučić. Ŝi naskiĝis la 2-an de januaro 1920 kaj devenis el Ronjgi-Viškovo, same kiel ŝia onklo, fama kroata komponisto kaj muzika pedagogo Ivan Matetić Ronjgov.

Ankaŭ ŝia edzo Milorad Lučić estis esperantisto. Sava ekkonis Esperanton relative frue sed ekokupiĝis pri Esperanto relative malfrue, nur en 1995 sed tuj agis plenenergie per junulara fervoro. Por la centa jubileo de Esperanto en Zagrebo en majo 2008 Sava Matetić-Lučić distribuis 250 biletojn por la koncerto en Koncertejo ***Vatroslav Lisinski***. Ŝi malavare socie aktivis en pluraj montgrimpaj kaj pluraj esperantistaj societoj (KFEA kaj Bude Borjan) kaj aparte dum jaroj helpadis al distribuado de la revuo *Tempo* kaj en 2002 gajnis la duan lokon por ***Zagrebanino de la jaro***. Ekskursema, vigla, nobla subtenanto de valoraj ideoj, fidela uzanto de sia denaska ĉakava dialekto, Sava adiaŭe partoprenis ankaŭ la zagreban decembran feston de centjariĝo. Ŝi aŭtoris plurajn poemojn kaj unu el ili ni prezentas omaĝe al ŝi en Esperanta traduko de Lucija Borčić. Ni publikigas foton pri ŝia lasta deĵorado kun geamikoj el Esperanto-Societo Bude Borjan ĉe libroekspozicio en Nacia kaj Universitata Biblioteko en junio 2008.

*S. Š.*

**Sava Matetić-Lučić Ronjgova**

## LA AŬTUNA FOLIO

Flaviĝinta foliaro susuras sur arboj
atendante la momenton por descendi el altoj.
Foli' ĉe folio kun tigeto sia pendas
kaj tremetante triste pri si pensas ...

Kiu scias kien ĝi ekdancos?
Ĉu sub sian propran branĉon?
Aŭ sur kampon plugitan fordistancos - ?
Aŭ ien kie la suno neniam alprancas?

Ien for de l' gento sia?
Pro kio kulpas la vent' furia -
kaj mia troa malpezo folia,
tiom senpova mastro mi estas de l' korpo mia.

Kiel urĝe la nordvento agas -
min ĵetadas - kun mi vagas -
senĉese mi alien sagas,
nenie paco por mi svaga.

Foje kiel barko sur akvo mi drivas -
aŭ pikita dornare mi pasivas,
nenia ripozo por mi perspektivas -
eterna laco kaj persekut' min trivas.

Senĉese en rondo mi giras ...
Al la arbust-denso mi modeste diras:
pri vi pleje mi sopiras -
ripozon ĉe vi ĝui mi deziras!

Tie plej bone mi dormas ...
por viaj vergoj kuŝejon mi formas,
por viajn radikojn je l' vintro protekti
kaj ventojn ĉiujn de mi fordirekti.

*El la kroata Lucija Borčić*

# VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 452. Teodora Kučinac | 13,77 eŭroj |
| 453. Nikola Matić | 1,37 eŭroj |
| 454. Anonima | 1,37 eŭroj |
| 455. Davor Klobučar | 68,85 eŭroj |
| 456. Florjan | 1.000,00 eŭroj |
| 457. Mirjana Žeželj | 13,77 eŭroj |
| 458. Karmen Crković-Vranko | 27,54 eŭroj |
| 459. Damir Mikuličić | 137,70 eŭroj |
| 460. Lucija Rusak | 6,84 eŭroj |
| 461. Judita Rey Hudeček | 4,11 eŭroj |
| 462. Spomenka Štimec | 6,84 eŭroj |
| 463. Sonja Kovač | 27,54 eŭroj |
| 464. Anonima | 4,11 eŭroj |
| 465. Melanija Grgić | 68,40 eŭroj |
| 465. Anto Mlinar | 41,10 eŭroj |
| 466. Davor Štimec | 27,54 eŭroj |
| 467. Anstataŭ floroj sur la tombo de Sava Matetić-Lučić | 27,54 eŭrojn |

| | |
|---|---|
| **Post decembro kolektite** | **1.478,39 eŭroj.** |
| **Kolektite ekde la jaro 2003 entute** | **22.067,39 eŭroj.** |
| **Nia granda kredito reduktiĝis al** | **29.864.12 eŭroj.** |

RECENZO

# POEMOJ DE DU FU

***El la ĉina tradukis Shi Chengtai kaj aliaj. Eldonita de Yunfang Eldonejo sub aŭspicio de Esperanto-Asocio de Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio, Ĉinio 2006. La verko havas 188 paĝojn kun 4 desegnaĵoj. Prezo: 10 eŭroj.***

Por la traduka literaturo en Esperanto tiu-ĉi bela poemlibro signifas tre valoran kontribuon. La amantoj de la literaturo kaj precipe la ŝatantoj de la ĉina klasika poezio finfine havas en la manoj elektitajn poemojn de Du Fu, kosiderata kiel la plej bona poeto el la tempo de la ĉina dinastio Tang (618-907).

La ĉefredaktoro de la verko s-ro ***Shi Chengtai*** kolektis en la poemlibro 182 tradukojn de 158 poemoj far ***Du Fu*** kies kompleta poezia heredaĵo konsistas el pli ol 1400 poemoj. Apud la tradukoj de ***Shi Chengtai*** troviĝas en la libro la tradukoj de kvar aliaj ĉinaj tradukantoj ***Hu Guozhu, S. J. Zee, Vejdo*** kaj ***Laŭlum***. Multajn tradukojn faris ***Kris Long*** el Britio, kontribuis ankaŭ ***Gerrit Berveling*** el Nederlando kaj ***Ossaka Kenji*** el Japanio.




Antaŭparolon verkis G. Berveling. Ĉe la fino de la verko troviĝas biografio de la poeto far Shi Chengtai, Kronologia tabelo pri Du Fu kaj tre utila Indekso: Dulingva Titolaro. Tipografie plaĉa libro kun portreto de la poeto sur titolpaĝo.

Dum la tempo de Tang-dinastio la unuiĝinta Ĉinio estis la plej granda ŝtato en la mondo. Ĝi havis viglajn diplomatiajn rilatojn kun Bizanco, Persio, Hindio kaj Japanio. Dum 289 jaroj de la dinastio Tang regis 20 imperiestroj el kiuj la plej konata estis Yang Ming Huang kiu regis kvardek du jarojn.

Dum tiu feŭdisma tempo en Ĉinio floris la scienco, literaturo, muziko, pentroarto kaj kaligrafio, sed antaŭ ĉio ĝi estis tempo kiam la ĉina klasika poezio atingis sian kulminon. Bedaŭrinde, en la dua duono de la regado de Tang-dinastio la situacio en la lando ege malboniĝis. Ekregis malakordo kaj korupto inter la klanoj ĉirkaŭ la imperiestro, ekribelis malriĉaj vilaĝanoj, la ribelo far An Lushan kaŭzis okjaran kruelan militadon kaj grandajn suferojn al la ĉina popolo. Du Fu, samtempulo kaj amiko de la granda romantika poeto Li Bai, naskiĝis en la jaro 712, proksime de la tiama ĉefurbo Chang-An. Nepo de elstara poeto kaj filo de oficisto, Du Fu jam kiel junulo ekamis literaturon kaj arton. Malgraŭ sia bona klereco kaj instruiteco li ne sukcesis fari rigorajn ekzamenojn por la servo ĉe la imperiestra palaco. Nur 11 jarojn poste (755) li tion sukcesis, sed la prospera tempo de la lando estis jus finiĝinta..

Dum la ribelo de An Lushan Du Fu partoprenis en bataloj, iĝis militkaptito, poste eskapis kaj dum pluraj jaroj vivis kun la familio en ekzilo. Ofte li vagadis malsana kaj malriĉa tra la lando. Lia eta filo mortis pro malsato. Estas menciinde ke dum sia pli feliĉa juneco Du Fu ŝatis drinki, kaj kutimis partopreni rajdadon kaj ĉasadon. Dum la tuta vivo li restis fidela al la ideoj de Konfuceo. Tute izolita kaj malsana Du Fu mortis en barko sur la rivero Yangze en la jaro 770.

Tiu mirinde kapabla sed malfeliĉa homo estis genia realisma poeto, tre ŝatata de la ĉina popolo tra multaj generacioj. Liaj poemoj priskribas naturon, pejzaĝon kaj simpation al siaj familianoj kaj amikoj. Tamen liaj plej bonaj poemoj prikantas la teruraĵojn de la milito, suferojn de la popolo, kruelecon de la feŭdaj regantoj kaj diboĉadon en la koruptiĝinta imperiestra familio.

Tiutempaj poetoj uzis por siaj literaturaj verkoj la klasikan ĉinan lingvon (Wén-yaan) kiu malsimilis la parolan lingvon. En la literatura lingvo ĉiu skriba ideogramo prezentis unu silabon. Se oni scias ke la ĉina lingvo ne konas genrojn, deklinaciojn kaj konjugaciojn, estas klare ke la ĉina klasika lingvo estis tre konciza kaj pro tio malfacile tradukebla al aliaj lingvoj, ankaŭ al Esperanto. Dank' al la kvar melodiaj akcentoj kaj pro la uzado de regulaj rimoj, la ĉinaj klasikaj poemoj legiĝas tre belsone.

En sia poezio Du Fu uzas la tiutempe jam fiksitan metrikon. La poetoj de la Tang-dinastio esprimis siajn poemojn en jenaj versformoj: 1. ***Verskvaroj*** (juéjù) kvinsilabaj kaj sepsilabaj. 2. ***Versokoj*** (lüshī) kvinsilabaj kaj sepsilabaj 3. ***Malnovmaniera poezio*** (gŭtishī) poemoj sepsilabaj kun diversa nombro de versoj.

*LACA NOKTO*

***Bambuoj fridon domen ŝutas,***
***Korto plenas de luno hela.***
***Apenaŭ densa roso gutas,***
***Malfortas la flagrado stela.***
***Scintilas en krepusk' lampiroj,***
***Ekpepas voke birdoj roje.***
***Mi pri l' bataloj kun suspiroj***
***Meditas dum la nokt' malĝoje!***

*Tradukis Shi Chengtai*

*NOKTA PENSO DUM ŜIPVOJAĜO*

***Ĉe l' bordo kun teneraj herboj en venteto,***
***Soleca nokto, ŝipo kun altstara masto.***
***Lunlumo fluas onde en la grandrivero***
***Kaj steloj pendas super la ebena vasto.***
***Ĉu pro la verkoj mi akiris mian famon?***
***Dank' al malsano venis fine la libero.***
***Al kio mi similas ĉie migradanta?***
***Vaganta mevo inter tero kaj ĉielo?***

*Tradukis: S. J. Zee*

Du Fu verkis plej multe laŭ la 2a kaj 3a versformoj. Aparte konataj estas liaj longaj baladoj pri militaj temoj. Estas nepre menciinde ke ĉina lingvo uzas rimojn kaj ke tiutempaj poemoj estis ne nur deklamataj sed ankaŭ kantataj. Tio okazadis akompane de diversaj popolaj muzikaj instrumentoj. Oni devas akcenti la fakton ke per diversstila kaligrafia skribo ĉiu klasika poemo iĝas vera artaĵo.

Ĉi-tiu abunda esperantlingva kolekto de belegaj ›emoj far Du Fu, ebligas al la tutmondaj poezîŝatantoj bonan ›rigardon en la poezian mondon kaj en la animon de la granda ›a klasikulo. Malgraŭ ke la verkon tradukis ses diverslandaj ›adukantoj, la verko kiel tuto plene atestas ne nur la geniecon › la poeto, sed ankaŭ plenan taŭgecon de Esperanto kiel ›aduka lingvo. Mi alte aprezas la tradukteknikon de ĉiuj ›adukintoj. Mi fakte ĝuis legante dekunusilabajn versojn de ›uraj poemoj, kun jamba ritmo kaj kun regule alterniĝantaj ›noj. Kelkaj poemoj estas prezentitaj en du versioj, kaj aparte ›naj estas la senrimaj tradukoj far Kris Long kies pluraj ›injambaj poemoj sonas mirinde. Forte min tuŝis jenaj ›adukoj: ***Balado pri militĉaroj*** (S.J. Zee), ***Versaĵo farita ›rvoje de la ĉefurbo al Fenĝian Gubernio*** (Vejdo), ***Pedelo › Shihao-Vilaĝo*** (Laŭlum), ***Sunsubiro*** kaj ***Malĝojo*** (Shi ›engtai). La verko enhavas poemojn el ĉiuj vivepokoj de la ›eto kiu en sia poezio utiligis ĉiujn stilojn kaj ĝenrojn de la ›a klasika poezio.

***PEDELO DE SHIHAO-VILAĜO***

***Vespere Ŝihaŭ-vilaĝon mi alvenis.***
***Je nokt' pedel' konskriptojn kapti penis.***
***Trans muron fuĝis l' aĝa mastr' el korto,***
***Kaj la mastrin' trempaŝis al la pordo.***
***Ho, kiel muĝis la pedel' kolera!***
***Ho, kiel ploris la avin' mizera!***
***Aŭdiĝis de l' avin' jen plendrakonto:***
***"Tri filoj miaj jam ĉe Jeĉeng-fronto.***
***De unu oni al mi vortojn portis:***
***L' aliaj du ĵus en batalo mortis.***
***Ankoraŭ vivu l' postvivantoj nune,***
***Sed kiuj mortis, ho, jam vivos plu ne!***
***En nia domo jam neniu estas***
***Krom mia nep' mamsuĉa ĉe la sino,***
***Kaj ankaŭ l' bofilino pro li restas,***
***Sed por irad' nur per ĉifon' sin vestas.***
***Mi kvankam aĝa kaj sen forta mano,***
***Volontas kun vi en ĉi nokt' reiri***
***Por urĝa fronta servo ĉe Hojan-o,***
***Ja maten-manĝon povas mi kuiri."***
***Malfruis nokt', kaj l' voĉoj jam silentis,***
***Matene, kiam vojon mi ekiris,***
***Mi adiaŭon nur al l' avo diris.***

*Tradukis Laŭlum*

Rigardante tra la kritika lupeo oni devas esti kontenta ke en tiel ampleksa poemlibro troviĝas nur dudek tajperaroj kaj ke mankas nur du akuzativoj. Eraron kiu povus esti tipa por la ĉinoj oni trovas en la biografio - ***Du Fu - ĉiama vagabondo***: tie staras tri foje la vorto *deĵoli* anstataŭ *deĵori*. En la poemo n-ro 26 (Qu-Rivero) troviĝas vorto - *cardoj*, kiu verŝajne devas esti *ĉardoj*, sed estas strange meti la "hungaran" ĉardon en la Mezepokan ĉinan poemon. En la titolo de la poemo n-ro 116-2 staras al mi nekonata vorto *jah*. La poemo n-ro 124 (Fore de Tanzhou) estas dufoje presita. La tuta supra duono de la teksto sur la paĝo 168 (Biografio) laŭvorte ripetiĝas en la Kronologia Tabelo sur la paĝo 184.

La verko "Poemoj de Du Fu" rimarkinde riĉigis nian tradukan literaturon kaj mi ĝin tutkore rekomendas al ĉiuj poeziamantoj.

*Ivo Borovečki*

# JUBILEA FESTO EN OSIJEK (1889-2009)

La 17-an de oktobro 2009 Esperanto-societo "Liberiga Stelo" Osijek organizos jubilean feston kaj renkontiĝon de kroataj esperantistoj

## "120 jaroj de la unuaj esperantistoj en Osijek kaj Kroatio" ("120-godišnjica prvih esperantista u Osijeku i Hrvatskoj")

Invititaj estas ĉiuj esperantistoj el Kroatio kaj ankaŭ el aliaj landoj.

Programo, detaloj kaj aliĝilo estos publikigitiaj antaŭ la somero 2009 en esperanta gazetaro kaj en la portalo de KEL (*www.esperanto.hr*).

Kontakto: Davor Klobučar, Osijek (*davor.klobucar@ht.hr*, tel. 098/338-242), *aŭ* Kroata Esperanto-Ligo, Zagreb (*esperanto@zg.t-com.hr*, tel. 01/4617-550)

Tempo

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVIII, numero 102 (1/2009), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Ministerio de kulturo de Respubliko Kroatio.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr - Kontribuis:** Mila Bečka, Ivo Borovečki, Lucija Borčić, Shi Chengtai, Senad Čolić, Boris Di Costanzo, Vladimir Kamenski, Foto-studio Kopešić, Neven Kovačić, Davor Klobučar, Sava Matetić-Lučić, Vjekoslav Morankić, Josip Pleadin, Tea Radovanović, Ret-Info, Spomenka Štimec, Zlatko Tišljar
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo**: 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# KONGRESOJ KAJ KONFERENCOJ VIZITINDAJ EN 2009

Kontaktadresoj de Kroata Esperanto-Ligo (KEL): Kneza Mislava 11, HR-10000 ZAGREB, Tel: ++385(0) 1 4617550, Faksilo: ++385(0)1 461 9373, esperanto@zg.t-com.hr
**www.esperanto.hr**

**8a -14a de aprilo - Rimini, Italio**
*33a IJF (Internacia Junulara Festivalo)*
Informoj: ijf.admin@esperanto.it




**15a -17a de majo - Roška koča sur Pohorje, Slovenio**
*7a Familia Montkabana Renkontiĝo*
Informoj: Kroata Esperanta Junulara Asocio, vanja.radovanovic@ericsson.com



**22a – 24a de majo - Kostrena, Kroatio**
*Pokalo Kostrena* - Kroata konkurso pri scio de Esperanto por lernantoj el elementaj kaj mezaj lernejoj.
Informoj: Kroata Esperanto-Ligo, Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, Tel: 01 461 7550, Faksilo: 01 4619373, esperanto@zg.t-com.hr kaj esperanto.rijeka@ri.htnet.hr

**23a – 29a de majo - Triesto, Italio**
*61a Kongreso de IFEF* (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio)
Informoj: Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, Mihanovićeva 12, 10000 Zagreb, zlatko.hinst@hznet.hr




**30a de majo - Hrašćina-Trgovišće, Kroatio**
*Meteorita festo* (Bieno de Spomenka Štimec)
Informoj ĉe KEL.




**28a de majo – 3a de junio - Herzberg, Germanio**
*8a Eŭropa Esperanto-Kongreso*
Informoj: esperanto-centrum@web.de aŭ ĉe KEL

**17a – 25a de julio - Krakovo, Pollando**
*42a Konferenco de ILEI* (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj)
Informoj: margareta.ilei.pollando@gmail.com




**18a – 24a de julio - Muszyna, Pollando**
*75a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj*
Informoj: antun.kovac@mzopu.hr
Lernantoj el Zagrebo partoprenontaj per aparta projekto.
Informoj ĉe KEL

**18 a – 25a de julio - Liberec, Ĉeĥio**
*65-a Internacia junulara Kongreso (IJK)*
Informoj: ijk@esperanto.cz aŭ ĉe KEJA, kajulino@gmail.com

**18a – 25a de julio - Milano, Italio**
*82-a Kongreso de SAT* (Sennacieca Asocio -Tutmonda)
Informoj: andrea.momtagner@arciesperanto.it




**18a – 25a de julio - Wroclaw, Pollando**
*62a kongreso de IKUE* (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) kaj *19-a Ekumena Esperanto-Kongreso*
Informoj: pomer@wp.pl



**25a de julio - 1a de aŭgusto- Bjalistoko, Pollando**
*94-a Universala Kongreso de Esperanto* kaj *Internacia Infana Kongreseto*
Informoj: info@uea.org aŭ ĉe KEL.
Transporto kaj restadeblecoj: orbispictus@iol.it

**2a - 8a de aŭgusto - Čakovec, Kroatio**
*MIRO (Mojosa Internacia Renkontiĝo)*
Informoj: ĉe KEL aŭ KEJA, kajulino@gmail.com; tina.tisljar@gmail.com .

**17a - 20a de septembro - Starigrad Paklenica, Kroatio**
*20a Montkabana renkontiĝo*
Informoj ĉe KEJA, vanja.radovanovic@ericsson.com

**18a - 20 de septembro - Hrašćina-Trgovišće, Kroatio**
*6a Renkontiĝo de Esperantlingvaj verkistoj kaj tradukistoj.*
(Bieno de Spomenka Štimec).
Ĉefgasto Geoffrey Sutton.
Prezento por publiko sabaton la19an de septembro.
Informoj ĉe KEL.

**17a de oktobro - Osijek, Kroatio**
*Festo okaze de 120a datreveno de unuaj esperantistoj en Osijek kaj Kroatio.*
Informoj: davor.klobucar@ht.hr aŭ ĉe KEL.

En la mondo en 2009 okazos pli ol 120 kongresoj, konferencoj kaj renkontiĝoj kie la sola laborlingvo estas Esperanto. Plena kalendaro de Esperanto-aranĝoj en 2009 videblas ĉe retpaĝo: ***http://www.eventoj.hu*** .